Esperanto HAMBURG

4/1999
Junio/Julio
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.




Foto: Wolfgang Löbel

**95 jaroj Esperanto en Hamburg**

Post la Euxropa semajno la Esperantistoj el Hamburg informis la publikon pri la dauxto de la Internacia Lingvo en Hamburg dum 95 jaroj. La tago de malfermita pordo okazis en la Esperanto-domo la 6an de Majo ek de la 14a horo kaj finigxis per festo en la nokto.

| **Enhavo** | **Editorajxoj** |
|---|---|
| 1. Sentenco<br>2. Dankesprimo<br>3. Nia programo<br>4. Esperanto-kurso por komencantoj<br>5. Jam aligxis 2000 al Berlino<br>6. GEFA invitas<br>7. Frekvencoj de Pola Radio<br>8. Gratulon pro 95 jaroj da agado!<br>9. Rekomendoj de la Konsultejo de la Akademio de Esperanto | Redaktofino de<br>n-ro 5/99: 15-07-1999<br>Esperanto HAMBURG<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br><br>Prezidanto: Jürgen Wulff |

| | |
|---|---|
| | http://members.aol.com/BTWulff<br><br>Redaktoro: Frank Merla<br>http://members.aol.com/MerlaFrank |
| La HES Klubejo estas malfermita Jxauxde ekde 19:00 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>GIS: kunvenoj lauxbezone;<br>Informoj:<br>Tel. (040) 58 71 82 aux 738 45 08 | Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 19:00 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr<br>GIS: Zusammenkünfte nach Bedarf;<br>Information:<br>Tel. (040) 58 71 82 oder 738 45 08 |

**Karaj legantoj!**

**Sucxado el la interreto**
tiom multe kiel estinte ne nepre devas esti. Bonvolu sendi artikolojn por „Esperanto Hamburg“ al la redaktoro.

**Proponojn por la programo**
de la klubvesperoj kiel kutime estu donataj al Benno Klehr, Oelkersallee 31, 22769 Hamburg.

Enhavo

---

## Sentenco

Prenu la situacion kiel gxi estas.
Sxangxu nur vian manieron
rigardi gxin.

Maharishi Mahesh Yogi

Enhavo

---

## Euxropo en Hamburg - Hamburg en Europo



Foto: Wolfgang Löbel

**Festo de la Euxropanoj sur la Urbodoma Placo**

Ni ricevis denove aparte bonan lokon por nia informstando. La sxildo ”Esperanto - die internationale Sprache” konkurence kun la umbreloj brilis en la suno. Mi rigardis nian standon ne sen fiero. Apud ni Nederlanda vitroblovisto malfermis sian budon. Baldaux sternigxis vivo sur la placo. La blankaj pagodaj tendoj, la brila blua cxielo kaj krom tio la majesta urbodom ravis ne nur min. Tiam por ni komencigxis la “laboro”. La tipaj eldiroj: ”He Esperanto! Cxu gxi ekzistas ankoraux?! Tia ja tamen ne havas sxancon.” aux ”Mia patro tion ankaux foje parolis!“, ne povis iriti nin. Laux demandoj ni volonte klarigis, distribuis niajn invitojn pro la Tago de la Malfermita Pordo kaj nia 95jara jubileo.

La Euxropopartioj salutis nin kiel malnovaj batalkamaradoj. Ni babilis, diskutis kaj informis pri Esperanto.

Oni ne povas diri, cxu ni sukcesis. Sed ni estas prezentaj kaj informas.

Kiam mi bilancas: nia vojo estas bona. Tamen ni etas ankoraux ne suficxe bone preparitaj kaj lertaj por veki intereson kaj por movigi ion.

**Konkludoj en Gummersbach**

Meze de Majo mi cxeestis semajnfinan seminarion de la referato de la naturamikoj en Gummersbach. La temo estis: ”La lingva problemo kreskas per cxia novmembrigxo. Cxu Esperanto cxi tie povas ludi rolon?” Referentoj: Dr. Dirk Willkommen kaj Brian Moon.

Por mi tiu seminario estis tre informa kaj kleriga. Ni devas multe pli bone informi pri Esperanto. Ni konas Esperanton kiel lingvo facile lernebla. Tamen gxi ja ne estas. Gxi estas nur pli facile lernebla ol la aliaj lingvoj pro ilia konstrukto kaj strukturo. Krome estas la sekureco de la reguloj, la fonetiko ktp.

Ni nepre devas disponigi pri nova informmaterialo kaj ne timu peti niajn ekspertojn pri informo kaj materialo. Seminarioj povus multe helpi.

Se ni vere volas disvastigi Esperanton kaj pravigi sian absolutan neceson, ni devas komplete sxangxi nian pensmanieron. Mi asertas, ni bezonas Esperanton, do ni komencu la laboron en la êusta angulo.

Hannelore Brunow

---

**Dankesprimo**

Dekdu jarojn *Burkhard Mohrig* kaj mi iris man' en mane tra la Esperantujo. Subite mi estas sen li. Pro tio mi dankas al cxiuj, kiuj dire, skribe kaj cxirkauxbrake montris siajn kunsentojn al mi. Cxiu gesto estis balzamo por mia animo.

Memorigo al mia Oropeceto:

Mallauxte venis al mi la mort',
pasxis al mia flanko.
Rigardis silente kaj serioze min,
vidis tiam al la lontano.
Mallauxte gxian manon mi prenis,
kun gxi mi pasxis.
Mallauxte okazis la migrad'
tra la valo kaj altajxo.
Kaj mi sentis kvazaux flugiloj
kreskis al mia animo.

Hannelore Brunow

Enhavo

---

**Programo de HES**

| Junio | Julio |
|---|---|
| **3 Klubaj aferoj**<br><br>**10 Erika Dobrzynski:**<br>„Kial vi estas Esperantisto“<br><br>Semajnfina seminario pri tradukado en la Esperanto-domo Hamburg 12-a/13-a de Junio<br><br>**17** Video: Mazi en Gondolando<br><br>**24 Werner Bormann:**<br>„Kiel Esperanto vekigxis post la milito“ | **1 Klubaj aferoj**:<br>Preparado por „Du und Deine Welt“<br><br>**8** Video: Mazi en Gondolando<br><br>**15** sen speciala programo<br><br>**22 Frank Merla:**<br>Lingvaj ludoj<br><br>**29** sen speciala programo |

Enhavo

---

**Esperanto-kurso por komencantoj**

En n-ro 3/1999 de Esperanto Hamburg estis malgxusta anonco, ke okazos kurso la 15-an kaj 16-an de Majo po de la 9-a gxis la 16-a horo. Fakte gxi okazos Sabaton kaj Dimancxon la **29-an kaj 30-an de Majo** po de la 9-a is la 14-a horo en la popolaltlernejo de Norderstedt, Rathausallee 50. Se estos suficxe da interso, estos ankoraux instrusemajnfino dum 12-a kaj 13-d de Junio.

Pludiru tion al viaj konatoj, kiuj deziras lerni Esperanton. Ili aligxu cxe Dr. Vesna Stanicic-Burchards, Tel.: (040) 52 20 89 15 (dum ofichoroj).

Enhavo

---

**Jam 2000 alighis al Berlino**

La 19-an de marto la kongresa fako de UEA registris la 2000-an alighon al la 84-a Universala Kongreso en Berlino (31 julio - 7 augusto).

La ghisnunaj alighintoj reprezentas 56 landojn. Plej multnombras la gastiganta lando Germanio kun 418 alighintoj. Sekvas Francio (232), Pollando (162), Japanio (149), Nederlando (83), Svedio (77), Italio (74), Litovio (64), Belgio kaj Britio (po 61), kaj Finnlando (54). Apud Japanio la plej multnombraj ekstereuropaj landoj ghis nun estas Brazilo (37), Usono (31) kaj Australio (16).

CO de UEA <uea@inter.NL.net>

Enhavo

---

**GEFA invitas**

*Klaus Böhnke* de la fervojistoj invitas al ekskurso Sabaton, la 19an de Junio 1999. Oni veturos de ZOB-Hamburg per Schnellbus linio 31 je la 9.47 horo al Lauenburg. Tie okazos post vizito de la muzeo kaj aliaj vidindajxoj komuna tagmangxo en Hotelo „Elbterrasse“ en Elbstraße.

Enhavo

---

**Indikoj pri frekvencoj de Pola radio el ties hejmapagxo**

| | | | |
|---|---|---|---|
| 06.30-06.29 | **SAT** | | |
| 08.30-08.59 | **SAT** | | |
| 13.30-13-55 | m | 41.18 | 41.52 |

| | | | |
|---|---|---|---|
| | KHz | 7285 | 7225 |
| 18.00-18.25 | m<br>KHz | 41.64<br>7205 | 49.22<br>6095 |

**La hejm-pa^go de AERA, kie trovi^gas plena informaro pri E-o en radio, anka~u sonmaterialoj el Pola Radio, estas jena:**
**http://osiek.org/aera**

Atenton!Ni a~udigas ^ciutagan programeron en ?Real Audio? (Interret-Radio).Do, ni rekomendas la a~uskultadon per la reto al la uzantoj de komputiloj en la tuta mondo

La adreso de Internet Radio estas jena:
**http://www.wrn.org/stations/poland.html**

Bonvolu popularigi la novan inform-servon kaj nepre informu nin, ^cu vi sukcesis kapti tiujn 4 minutojn kaj kion vi pensas pri la enhavo.

La E-adreso reta de Pola Radio estas:
**pettyn@radio.com.pl**

Enhavo

---

Von: Joel BROZOVSKY, [100507,1652]
An: Hamburga Esperanto-Societo, INTERNET:juergen@kaihh.hanse.de
CC: Gerald Roemer

Datum: 14.05.99 10:34

**BE: Gratulon pro 95 jaroj da agado!**

Estimataj samideanoj de Hamburga Esperanto-Societo,

Admirinda estas via atingo de 95-jara jubileo! Zamenhof sciis, ke necesos multa pacienco kaj persisto por disvastigi la internacian lingvon, kaj via jubileo montras, ke li pravis! ^Gi montras anka^u, kiom grava estis, e^c en la frua tempo de la Esperanto-movado, la agado de germanaj samideanoj, kaj specife de Hamburgaj. La 95-jara jubileo estu tempo por festi, kaj por pripensi, kiel plej efike da^urigi la laboron por nia kara lingvo kaj por la humanaj principoj por kiuj Zamenhof ^gin lan^cis.

Ni deziras al vi multe da sukceso ^ce la jubilea festo, kaj e^c pli, ^ce la posta agado.

Samideane via,

Joel Brozovsky, por Esperanto-Propaganda Asocio de Oomoto (nur 76-jara).

^^^^^^^^^^^^^^

Joel Brozovsky
Oomoto, Ten'on-kyo, Kameoka-si, Kyoto-hu, 621-8686 Japanio

fakso: +81 (771) 25-0061
100507.1652@compuserve.com
www.oomoto.or.jp/Esperanto/index-esp.html

Enhavo

---

**Rekomendoj de la Konsultejo de la Akademio de Esperanto**

La Konsultejo de la Akademio de Esperanto komunikas: La konsulta komisiono, ricevinte demandojn pri la vortoj „inline skates, snowboard, halfpipe, mountainbike, gameboy“, rekomendas:

Por inline skates: rulsxuo, jam vaste uzata, estas sxuo kun radetoj arangxitaj unu- aux duvice; do por inline skates ni rekomendas „unuvicaj rulsxuoj“.

Por snowboard: glit(o)tabulo - unuobla skio, sur kiu starante ambauxkrure oni glitas laux negxa deklivo. Tolerebla sxajnas ankaux la termino „negxtabulo“.

Por halfpipe: duontubo - tiuforma instalajxo por pendole veturi en gxi per rultabulo.

Por mountainbike: mont(o)biciklo, montarbiciklo - fortika biciklo tauxga por veturi sur natura kaj dekliva tereno (terenbiciklo).

Por gameboy (varnomo): ludkomputil(et)o - tiuspeca portebla aparateto kun ludprogramo, precipe por infanoj.

Krome oni demandis, cxu la terminoj „posxtelefono“ kaj „kompaktdiskilo“ estas akcepteblaj. Tion la konsulta komisiono jesis, aldonante ke por portebla kompaktdiskilo suficxas kutime ankaux la termino „posxdiskilo“.

La konsulta komisiono atentigas, ke tiuj cxi rekomendoj ne estas decido de la Akademio de Esperanto. Lingvajn demandojn cxiu povas direkti al la direktoro de la konsulta komisiono:

Stefan Maul, Pferseer Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio; e-posxto: maul@newsfactory.net.

Enhavo

Re al Esperanto en Hamburg